


**Ekde nun, rezervu tiujn datojn por partopreni en la venonta IFEF-kongreso en Dresdeno**

**Antaŭa flanko :** ***Parte de la kongresanoj staras ĉe la enirejo de la kongresejo en Plovdiv***

## Enhavo

# Travivaĵo en Plovdiv dum la 54-a IFEF-kongreso (Bulgario)

De la 1-a ĝis la 8-a de junio 2002 okazis en la urbo Plovdiv (Bulgario) la 54-a IFEF-kongreso. Aliĝis 212 interesuloj kaj ĉeest is tiun gravan eventon 203 partoprenantoj. Sinsekve, interesa programo disvolviĝis tiele.

**Sabate la 1-an.**

Post alveno de la kongresanoj kaj disdono de la kutimaj kongresaj materialoj, ĉiuj partoprenantoj, post iom da ripozo, kuniĝis en la kafejo de la hotelo-kongresejo "Sankta Peterburgo", por gaje saluti siajn geamikojn kaj konatulojn.

**Dimanĉe la 2-an.**

Je la 8.10 en la ortodoksa preĝejo "St Ivan Rilski", Pastro Pavel celebris la diservon en esperanto. Ĉeestis 60 gekongresanoj.

Je la 10.00 okazis solena inaŭguro de la kongreso en la granda salono de la kongresejo. Krom la estraranoj de IFEF surpodiis :

- Ljubomil Ivanov - vicministro de transporto,
- Rumen Rusev - vicurbestro de Plovdiv,
- Gilbert Schmit- prezidanto de FISAIC,
- Hristo Ivanov - direktoro de la fervojista administrejo en Plovdiv,
- Petar Todorov - prezidanto de la Bulgara Esperanto-Asocio,
- Veselka Kamburova - prezidanto de BFES kaj reprezentanto de FISAIC.
- Lazar Karakaŝev - prezidanto de Loka Kongresa Komitato.

Post la salutvortoj de la podianoj kaj de la partoprenantoj de la Landaj Asocioj, la prezidanto de BEA per ora medalo "100 jariĝo ekde la fondiĝo de Esperanto" honorigis :

◊ Vicministron Ljubomil Ivanov,
◊ IFEF-prezidanton Romano Bolognesi,
◊ IFEF-vicprezidanton István Gulyás,
◊ FISAIC-prezidanton Gilbert Schmit.

Sekvis la salutvortoj de Romano Bolognesi, kiu samtempe honorigis s-ron Harry Bengsston el Svedio, kiel Honoran membron de IFEF.

***Kunsido de la Faka komisiono.***

Per salutvortoj malfermis ĝin s-ro Jan Niemann. Per desegnaĵo sur ekrano oni projekciis trakforkojn diverspecajn. La partoprenantoj debatis pri iliaj terminaj vortoj, kiuj devas esti almetitaj en la terminaran vortaron.

***Urbo vizitado.***

Post iom da maltrankviliĝo rilate la bustransiron al la malnova parto de la urbo, la ĉeestantoj plezure vizitis la ĉefajn turismajn punktojn tiel nomatajn : "Teatro de la antikva urbo", "domo de la franca poeto Lamartine", "Etnografia muzeo".

***Akcepto en la urbodomo.***

Ĝi okazis en la bela renesanca domo nomata "Balabanovata kaŝta" (Balanova domo). Pro la okupo de la urbestro, la vicurbestro Vidjo Videv akceptis la 50 ĉeestantojn. Dum oficialaj alparoloj de la eminentuloj, IFEF-prezidanto enmanigis la IFEF-blazonon al la vicurbestro. Sekvis interparolo kaj koktelo.



*D-ro Romano Bolognesi transdonas IFEF-blazonon al la vicurbestro*

*Nacia vespero.*

Je la 20.00 horo okazis nacia vespero en la kulturdomo de la fervojistoj en Plovdiv. La gekongresanoj plenigis la salonon. Sur la scenejo ludis multaj grupoj plenumantaj klasikajn kaj popolajn kantojn kaj dancojn.

**Lunde la 3-an.**

*Nepublika kunsido.*

Je la 9-00 komenciĝis la nepublika kunsid o. Ĉeestis ĉiuj komitatanoj. Romano Bolognesi - prezidanto de IFEF - malfermis la kunsidon, kiu pasis laŭ la programo publikigita en la kongresa libro. Oni diskutis pri la kongresproponoj, la budĝeto, la venontaj kongresoj k.a.

***Duontaga ekskurso.***

Posttagmeze luksa aŭtobuso veturigis la vizitantojn al la urbo-muzeo Koprivŝtica.

Dum la vojo ĉiĉerono s-ino Rosica detale kaj sperte komentis la vidindaĵojn. Unue la aŭtobuso haltis en vilaĝo Ĉernozem, kie ni vizitis entreprenejon por produktado de roza akvo kaj rozoleo. La personaro akceptis la kongresanojn bonvene. Ĉiuj partoprenantoj lavis siajn manojn per roza akvo. La veturado daŭris tra la roza valo, kie oni vidis multajn rozĝardenojn kaj mentajn ĝardenojn. En tiu regiono funkcias kelkaj fabrikoj por produktado de rozoleo kaj mentoleo. La aŭtobuso haltis inter la rozĝardenoj. La kongresanoj havis eblecon vidi, ĝui, kolekti kaj flari la bonodorajn rozflorojn. En Koprivŝtica la aŭtobuso haltis je la 15.30 horo. Tie la kongres anoj trarigardis la belan montaran urbeton. Oni vidis multajn malnovajn domojn, la preĝejon - Sankta Dipartino en kiu korto troviĝas la tombo de Todor Kablegkov, heroo en la aprila ribelo kontraŭ la turka jugo en 1876 kaj poste. La grupo ekveturis de Koprivŝtica reen, je la 17.30. Survoje la bulgaraj kongresanoj kantis belajn bulgarajn kantojn. La aliaj akompanis kantante kune. Iomete lacaj, sed kun bona humoro, en 19.50 horo ĉiuj revenis en Plovdiv.

*Teatro.*

Lunde vespere en la salono de la kulturdomo de la fervojistoj, la kongresanoj ĝuis brilan, artan teatraĵon fare de la Bulgara Esperanto Teatro. Estis prezentita la komedio " Invento de l' jarcento", aŭtoro Julian Modest. La rolantoj per sia bone posedata Esperanto kaj majstra ludado, ricevis bruajn aplaŭdojn. La teatro-grupo ludis en multaj kongresoj de IFEF-Varna, Lugano, Tarragona k.a.



*Popol-vestita dancemulo ĝuas la muzikan etoson*

**Marde la 4-an.**

***Plenkunsido.***

La 4-an de junio la plenkunsido okazis je la 9.15 horo. Estis tralegitaj salut-telegramoj kaj leteroj.

Post legado de gratulleteroj senditaj de Renato Corseti prezidanto de UEA , de Li Sen kaj Han Zuwu el Ĉinio, W.U. Van Leeuwen el Nederlando, János Patay el Hungario, kaj transdono de buŝaj salutoj de Serio Boschin kaj Vito Tornel lo el Italio, salutis la kunsidon s-ro Jelev - prezidanto de la Bulgara Esperanto Asocio de la blind uloj ; s-ino Stojanova je la nomo de societo "D-ro Zamenhof" kaj Esperanto Domo de kulturo de urbo Razgrad, Bulgario.

Sekvis memorhonorigo de la mortintoj, membroj de IFEF. Poste, komenciĝis la aprobo de la raportoj de la estraranoj. Ĉiuj estis aprobitaj. Ĉar la posteno de kasisto estis vakanta, estis elektita nova kasi sto : s-ro Laurent Vignaud (Francio). Sekvis raporto j de la faka komisiono, de la komisiitoj, Budĝeto 2003 k.a. Por la venontaj kongreso j, estis konfirmita la venonta 55-a IFEF kongreso en Germanio - urbo Dresdeno. Por la 56-a IFEF kongreso, dum la jaro

2004, s-ro Gulyas proponis la urbon Sopron ĉe la limo inter Hungario kaj Aŭstrio, kiun organizos la hungaraj kaj Aŭstraj fervojistaj esperantistoj. Por la 2005-a kandidatiĝis Rumanio, por la 2006-a Ĉinio.

***Terminara kunsido.***

Posttagmeze je la 14.10 horo okazis terminara kunsido malfermita de s-ro Niemann Jan.

La Landaj Asocioj raportis pri sia agado. Estis projekciita per speciala aparato sur ekrano du multelementaj trakforkoj kun internaj relnadloj kaj kun eksteraj relnadloj, pri kiuj oni debatis kiajn terminojn oni devas doni al ili.

***Bankedo kaj balo.***

La festa vespermanĝo (bankedo) kaj la balo okazis marde vespere. La kongresanoj, kiuj decidis partopreni la bankedon, kolektiĝis en la restoracio kaj sidis ĉe la feste aranĝitaj manĝotabloj. La bankedon malfermis per tosto Lazar Karakaŝev - prezidanto de LKK. Ĉefa manĝajo estis la bongusta specialaĵo de la restoracio 'Sankt Peterburgo'. Sekvis diversaj, bonaj alkoholaĵoj. Jam de komence la humoro estis gaja kaj ĝojiga. Kompreneble, al bona humoro kontribuis la orkestro, kiu per bona kaj bela muziko kaj kantoj kaŭzis, ke multaj dancemuloj ĝuis ĝis noktomezo.

**Merkrede la 5-an.**

***Tuttaga ekskurso.***

Je la 8.30 h komforta aŭtobuso veturigis la gekongresanojn al la famekonata 'Rila monaĥejo'. En la buso per laŭtparolilo nia ĉiĉerono klarigis ĉiujn interesajn objektojn. En Sofio ni vizitis: la grandajn preĝejojn "Sankt Aleksandar Nevski" kaj "Sankta Sofio". Poste, oni vidis la universitaton "Kliment Ohridski", la Parlamenton, la Prezidentejon kaj aliajn turismajn ejojn. Je la 13.30 h. la buso atingis la monaĥejon. Ĉiuj miris pro la belegaj konstruaĵoj kaj la pitoreskaj vidindaĵoj de Rila montaro.

Revenante al Plovdiv, la buso trapasis Rila montaron. En la bela ripozloko 'Borovec' la buso haltis kaj la kongresanoj ĝuis la belegan pinarbaron. Bedaŭrinde ĉiuj devis reveni en Plovdiv por daŭrigi la kongreson.

**Jaŭde la 6-an.**

***Fakprelego.***

Je la 09.15 h. la elito de la kongresaro kolektiĝis por sperti kaj spekti la ĉefajn fakprelegojn, tri el la fremdlandaj esperantistoj kaj sep el Bulgario. La respondeculo de la faka komisiono, s-ro Jan Niemann, malfermis la kunsidon kaj donis la vorton al s-ro Enjo Enev, kiu tralegis la ĉefan prelegon "*Reformo en BDZ - paŝo al integriĝo al la Eŭropa transporta sistemo*". S-ro Enev bone prezentis la prelegon kaj klarigis al la aŭskultantaro la nebulajn esprimojn per simplaj vortoj. Ĉefa enhavo de la prelego klarigis, laŭ kiu maniero Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj (BDZ) devas esti renovigitaj por aliĝi al la fervojoj de la Eŭropa Unio.

Komenciĝis la prelegoj de la aliaj landoj. "*Orienteŭropaj transporto-koridoroj de Jugoslavio*". Prelegis s-ro Sekereŝ Ludoviko, kiu ilustris la prelegon per mapoj. Li montris 10 koridorojn. Per dua mapo li prezentis akvan koridoron, kiu devas ligi Nordan Maron kun Nigra maro pere de riveroj Rejno kaj Danubo kaj diversaj kanaloj.

Sekvis la prelego pri la "*ligo inter fervojtransporto kun aŭtotransporto kaj faciligo de la veturado per komunaj vojaĝbiletoj*". Prelegis s-ro Olsen el Danlando. Sekvis la prelego de s-ro Tomišek - Ĉeĥio pri la "*akcidentoj sur la trakpasejoj*". Sur la ekrano li montris terurajn bildojn. La tasko est as : kiamaniere oni povos estonte eviti tiujn terurajojn? Je la 11.00 horo sekvis la prelegoj de la Bulgaroj. S-ro Mâglov - prelego: "*Kapitala (fundamenta) riparo de fervojlinioj por plibonigi la rapidecon de la trajnoj*". Sekvis la prelego. "*Kalkuloj pri la social-ekonomio laŭ efektiveco de la pasaĝertransportoj, merkatĉenoj*". Prelegis: inĝ. Todorova. Sekvis la prelego:"*Kvalito de la pasaĝerservoj de*

*la fervoja transporto"*. Poste, la prelego:" *Specialiga priservado de malfacile moveblaj personoj"* - preleganto Ivanka Stojanova. Poste la prelego: *"Variantorganizado ĉe la transporto de la pasaĝeroj kadre de urbo Sofio en 2002"* - preleganto M. Markov. Sekvis la prelego: *"Estrarperfektigo de fervojaj ŝarĝtransportoj"* de inĝ. D. Maneva. Post tagmeza paŭzo je la 14.30 h okazis la prelego: *"La muzeaj tradicioj en la bulgaraj fervojoj"* de C. Miteva.

***Muzika kaj distra vespero.***

Je la 19.00 gekongresanoj okupis la salonon de la Fervojista Kulturdomo. Sur la scenejo sin prezentis per kulturprogramo diversaj muzikistoj kaj kantistoj. Ĉiuj gekongresanoj restis kontentaj.

**Vendrede la 7-an.**

S-ro Lany prezentis la 44-an Internacia-n Fervojista-n Esperanto-Skisemajno-n okazontan de la 4-a ĝis la 11-a de januaro en montaro Beskydy (Ĉeĥa Respubliko).

Sekvis la prezentado de la venonta IFEF-kongreso farita de la LKK-prezidanto Rolf Terjung. Urbo Dresden en Germanio akceptos la kongresanojn de la 10-a ĝis la 16-a de majo 2003.

Poste, Romano Bolognesi gvidis la eventon "Movadaj aferoj". Ĉeestis 25 personoj, kiuj laŭdezire parolis diversteme. Ĉefe, oni traktis la problemon de la disvastigo de IFEF malfermante nian organizon al aliaj esperantistoj de diversaj trafikorganizoj. Tio estas tre rekomendita de UEA.

Alia temo direktis al Ĉinio, kiu enhavas multajn junajn fervojistojn, kiuj, laŭ pinie de s-ro Stupping, pretas kunlabori en nia movado. Pro tio oni taksis tre grava la ebleco n okazigi IFEF-kongreson en Ĉinio eble en 2006.

Tagmeze okazis la fermo de la kongreso kaj la transdono de la IFEF-flago al s-ro Rolf Terjung LKK-prezidanto por la venonta IFK enDresden (Germanio).

Eĉ se kelkfoje informo pri la ŝanĝoj de la programo estis disvastigitaj iom malfrue kaj



Nuna IFEF-estraro. *De maldekstre : J. Ripoche I. Gulyás, R. Bolognesi, M. Brletić, L Vignaud*

se kelkaj hotelo-servoj ne adekvatis al la ĝustaj atendoj de la kongresanoj, ni devas varme danki la bulgarajn LKK-anojn, kiuj senceŝe faris kaj agis por ke tiu bulgara gastado restu kiel bona memoraĵo por ĉiu kongresano.

Post tiu laciga semajno, la LKK-skipo tute meritas nian rekonon kaj niajn sincerajn dankojn.

## Kaj nun al Dresdeno en la jaro 2003 !

*Verkis la redaktoro surbaze de la kongresa kuriero kun dankoj al la kuriero-skipo.*

**Distingo de s-ro Harry Bengtsson el Östernud (Svedio)**

Dum la inaŭguro de la 54-a IFEF-kongreso, s-ro Harry Bengtsson estis nomumita nova honora membro de IFEF. Tiun distingon li meritis pro sia multjara terminologia laboro ĉe IFEF. Ofte li laboris sole kiel r.t.k. (responsa terminara kunlaboranto) kaj jam en 1993 li (kiel 79 jaraĝa) proprakoste eldonis svedan-esperantan / esperantan-svedan fervojan vortaron surbaze de LG IV (la lasta "Lexique général des termes ferroviaires" de UIC).

# Salutvortoj de la prezidanto dum la solena malfermo de la 54-a IFEF-kongreso

Estimataj Gastoj! Eminentuloj! Bravaj Organizantoj! Karaj Kongresanoj! Samideanoj kaj Kolegoj!

Ĝoje mi bonvenigas vin al la Kongreso de IFEF de la jaro 2002.



*D-ro Romano Bolognesi*

Jam la trian fojon Bulgario gastigas nian plej gravan manifestacion en sia teritorio. Post Varna (1968) kaj Slanĉev Brjag (1984), ambaŭ ĉe la Nigra Maro, ĉi-jare estas la vico de la bela Plovdiv meze de la Traka Valo ĉe la rivero Marica.

Dum la Kongreso certe estos okazoj esplori multajn trezorojn de lando en la koro de la balkana duoninsulo, kiu nuntempe tra vivas vastajn ekonomiajn kaj sociajn ŝanĝojn. La bela regiono kaj la gastamaj loĝantoj certe sentigos nin tre bone kaj ni ĝue vivos la pejzaĝojn kaj la lokan kulturon.

La abundaj historiaĵoj kaj modernaĵoj de Plovdiv, urbo antikve nomita Filipopoli, kiu kuŝas sur montetoj kiel Romo, certe montros sian fascinojn al la vizitantoj. Ĝi ne estas tro vasta, verŝajne ĝuste taŭga por nia manifestacio, kies preparoj konvinke tuj kaptis la atenton de la urbestraro kaj espereble altiros tiun de la loĝantaro. Tiu ĉi moderna hotelo-kongresejo, la aliaj gastigaj loĝejoj kaj bonaj restoracioj kontentigos ĉiajn gustojn.

Tamen vi scias, ke mi ĉiam plej ŝatas substreki la homajn rilatojn, t.e. ke, krom pri la cirkonstancaj aspektoj, niaj kongresoj estas gravaj ĉar ili estas ne anstataŭeblaj partoj de nia tipa internacia interrilata vivo, en kiuj la apartaj personecoj de la partoprenantoj povas trovi la atenditajn kontentigojn.

La kunsidoj de la Komitato kaj de la Komisiono kun la fakaj aranĝoj, signas la progreson de nia organizita agado, montras nian laborkapablon kaj niajn adaptiĝojn kaj kontribuojn al la rapide evoluantaj fervojaj teknikoj. Do, ni devas por, pro kaj per tio maksimume kunlabori kaj samtempe profiti la okazon.

La fervojistaj kongresoj estas ankaŭ forumoj malfermitaj al ĉiuj, kiujn ni utiligas kaj eĉ pli multe ni devas utiligi por demokrate esprimi niajn ideojn kaj interŝanĝi opiniojn je internacia nivelo kaj maniero.

Oni ne forgesu, ke la esenca kondiĉo por ke ĉio povu bone efektiviĝi kaj funkcii estas ankoraŭ foje la uzado de komuna lingvo, kiu ebligas al homo el la plej malproksimaj landoj kaj malsimilaj kulturoj kunligiĝi je ĉiu ajn nivelo. Ni, fervojistoj, esperantistoj jam brile spertis kaj pruvis tion, ĉefe dum la pasintaj 53 kongresoj, danke al ideala kaj samtempe tre praktika mirinda rimedo kiel estas Esperanto. Sen multekostaj tradukaj aparataroj, sen interpretadoj, ni montras la plej bonan manieron internaciskale komuniki.

Mi ŝatas memori, ke Bulgario rolis tre grave por nia movado jam en la fruaj jaroj de la pasinta jarcento kaj en la jaroj post la unua mondmilito, kiam iuj kolegoj el Sofio kaj Varna sukcesis bone sin organizi kaj publikigi lecionojn pri Esperanto en oficiala fervojista gazeto. La sekva periodo estis malbona, tamen depost la jaro 1947 fondiĝis en Sofio fervojista grupo esperantista nomita "Prospero", kiu fariĝis la kerno de la fondota nova nacia Fervojista Sekcio, kiu en 1958 aliĝis al IFEF, ĉefe danke al kolego Georgi Dolapĉiev, altranga funkciulo de la Bulgaraj Fervojoj. Estis ankaŭ mallonga periodo de izolo, sed baldaŭ okazis re-aliĝo al IFEF kaj sekve de tio la organizadoj de la kongreso en 1984 kaj de la nuna.

Bonaj estas la kontaktoj kaj kunlaboroj kun la Ĝeneraldirekcio de BDZ (la Bulgaraj Ŝtat-Fervojoj) en Sofio, kie oni rigardas favore al Esperanto. Estas ankaŭ grave kaj fiere substreki, ke en 1983, danke al la klopodoj de la fervojistoj esperantistoj, refondiĝis la landa bulgara sekcio de FISAIC, kiu, ĝuste ĉi-jare en oktobro en Obernai (FR), festos la 50-an jubilean datrevenon. Kaj ankaŭ en tiu fondiĝo la esperantistoj fervojistoj rolis tre grave kaj esence.

Tiu-ĉi kongreso en Plovdiv nombriĝas kiel la

54-a de nia Federacio, organizita de la nun tempaj bulgaraj aktivuloj, lertaj gekolegoj, kiel la LKK prezidanto, Lazar Karakaŝev kaj la nacia prezidantino Veselka Kamburova, kiuj estras kapablan skipon de samideanoj.

Nome de nia Federacio mi kore dankas la bulgarajn amikojn pro la alpreno sur sin de grava kaj laboriga tasko invitante al Plovdiv. La IFEF-estraro neniam kaŝis al si kaj al la organizantoj ĉiujn eventualajn malfacilaĵojn, sed akceptis la proponon kaj rekomendis al la IFEF-membroj pri partopreno. Mi estas tute konvinkita, ke la kongresanaro ĝuos belegajn tagojn en Bulgario.

En niaj kongresoj kunvenas pacemaj homoj, sed oni devas konstati ke, bedaŭrinde, ankoraŭ en tro multaj lokoj en la mondo okazas teruraj faktoj. Ĉiuj, certe ankoraŭ havas antaŭ la okuloj la atencojn al la turoj en Nova Jorko je la 11-a de septembro 2001. Oni diris, ke de tiam la mondo ne plu povis esti la sama. Tamen, ĝis nun, ne multaj problemoj solviĝis pri la se kurecrilatoj kaj ankoraŭ okazas teruraĵoj, ĉefe laŭborde de la orienta Mediteraneo.

Ĉu ni devas esperi al pliboniĝo ? Ni simplaj homoj havas nenian povon kontraŭ militoj kaj teruraĵoj, sed certe la idealaj valoroj de la esperantismo ĉiam estas validaj kaj kapablaj doni modelan ekzemplon por pli favora interkompreniĝo kaj toleremo, senkonsidere de la apartaj homaj karakterizoj.

En multaj okazoj ŝtatestroj kaj politikistoj mal-avare promesas helpi por la disvastigo de niaj idealoj, sed plejofte sekvas nenio praktika. Tamen, permesu ke mi objektive menciu escepton, sendepende de miaj kaj viaj propraj ideoj kaj kredoj. Ŝtatestro de malgranda teritorio kaj samtempe granda morala kaj religia figuro estas la nuna katolika Papo Johano Paŭlo II-a, kiu tute kohere kun siaj personaj konvinkoj uzas kaj stimulas la uzadon de Esperanto. Ni jam de jaroj konstatis ke liaj kristnaskaj kaj paskaj esperantlingvaj vortoj por la benadoj "Urbi et orbi" atingas televide milionojn da spektantoj. Kaj ĉijare sur la placo Sankta Petro en Romo iuj italaj samideanoj reagis al liaj vort-oj montrante grandajn panelojn formante la vor-ton "Esperanto", plurfoje bone viditan televi-de. Oni devas esperi, ke de tio povos veni pli vastaj kaj precizaj konoj pri nia lingvo, Esperanto.

Alia kuraĝiga atingo de la lastaj tagoj povus esti la fino de la tiel dirita "malvarma milito" per la subskribo en Italio de kunlabora pakto flanke de NATO (la Organizacio pri la Nord-Atlantika Traktato) kaj de la Rusa Federacio, precipe por kontraŭstari terorismon. Ni estas devigataj esperi, sed ni ne devas iluziiĝi kaj forgesi, ĉar estas minacoj de milito inter Hindio kaj Pakistano, kiuj posedas atombombojn, kaj ke sume ĉiun jaron la mondaj registaroj elspezas por armiloj 800 miliardojn da usonaj dolaroj, el kiuj ĉirkaŭ 1/3 fare de Usono mem. Temas pri ĉirkaŭ 133 US-dolaroj (t.e. 145 eŭroj) por unu persono, averaĝe kaj sendistinge por ĉiu terloĝanto, kiu estas pli ol oni perlaboras jare en kelkaj malriĉaj afrikaj landoj. Per tiu enorma kapturniga sumo oni povus fari multon kontraŭ malsanoj, malsato, kaj por progreso de popoloj.

Por ne senti nin malesperaj, pli bone ne menciu pri kiom da mono estas forĵetata pro la nuntempe bezonataj tradukaj kaj interpretaj (mis)servoj de la internaciaj organizacioj.

Ni fervojistoj esperantistoj estas pacemaj homoj, kiuj batalas por aplikado de paciga inter-komunika rimedo, utila kaj perfekte uzebla por superi ĉiajn barilojn kaj por atingi la plej altajn homajn celojn. Ni devas persiste daŭrigi en nia agado, esperplene, kuraĝplene kaj tre firme, kontraŭ ĉiuj ne komprenoj kaj malfacilaĵoj. Ni certas, kiel d-ro Zamenhof certis, ke iam la homoj konvinkiĝos adopti pli bonajn manierojn interrilati, vivi, pace kaj frate. Celante al tio, niaj antaŭuloj agadis, kaj ni daŭre devas strebi organizante kunvenojn, naciajn kaj internaciajn kongresojn, kiuj estas tre gravaj okazoj por disvolvi organizajn kaj sociajn rilatojn.

Dum la kunsidoj de la Komitato, de la Komi-siono kaj dum la fakaj kaj distraj programeroj, ni devas doni kaj ricevi la maksimuman kunlaboron kaj samtempe profiti por kreski lingve kaj home. Ni vivu tiel la venontajn tagojn, kaj ni estu kiel eble plej malfermitaj al aliaj vidpunktoj kaj ideoj, toleremaj kaj dankaj pro tio.

En ĉi-tiu spirito mi deziras ke ankaŭ nia 54-a Kongreso en Plovdiv estu por ĉiuj morale kaj materiale plensukcesa.

Per ĉi-tiuj vortoj, mi deklaras malfermita la kongreson.

**Romano BOLOGNESI**

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 2000

Surbaze de la demandilo, la landaj asocioj preparis sian jarraporton pri la jaro 2000. La resuma jarraporto estas preskaŭ kompleta, nur Pollando ne sendis raporton.

**1. La landaj asocioj.**

La membraro de la landaj asocioj elnombras 3 100 membrojn, 100 membrojn malpli ol en la antaŭa jaro. La landaj asocioj raportas pri 1 010 IFEF-membroj inter la fervojistaj esperantistoj, sed la kasisto raportas pri 1 055 IFEF-membroj laŭ la enpago de la jarkotizo. IFEF havas krome 12 individuajn membrojn. Ekzamenante la ciferojn, mi povas konstati, ke :

- kelkaj landaj asocioj nombras pli multan nombron de IFEF-membroj ol la kasisto de IFEF (ekzemple *Rumanio* raportas pri 70 IFEF-membroj, la kasisto nur 20; *Norvegio* elnombras 39 IFEF-membrojn, la kasisto 30 membrojn);
- kelkaj landaj asocioj raportas pri malpli da IFEF-membroj ol la kasisto de IFEF (ekzemple *Aŭstrio* elnombras 111 IFEF-membrojn, la IFEF-kasisto 160 membrojn; *Slovakio* raportas pri 8 IFEF-membroj, la IFEF-kasisto pri 20 membroj; *Svisio* elnombras 37 IFEF-membrojn, la kasisto 61 membrojn) ;
- entute la membro-nombro de IFEF malkreskis ;
- la nombro de la emeritoj inter la IFEF-membroj estas pli ol 75 %-oj ;
- malkreskis la nombro de la grupoj; en la pasinta jaro la landaj asocioj entute havis 98 grupojn, kvar grupojn malpli ol en la antaŭa jaro;
- inter la membraro de la fervojistaj esperantistoj troveblas 275 nefervojistoj en 11 landoj(ekzemple en Italio 65, en Hungario 50, en Svisio 33, en Belgio, Germanio: 30, en Ĉeĥio kaj Kroatio: 20 kaj en Danio 10 neforvojistoj estas troveblaj);
- la landaj asocioj ĝenerale planas la saman membro-nombron por la jaro 2001, en kelkaj landoj kreskos, en kelkaj landoj malkreskos la nombro de la IFEF-membroj.

**2. Plenumo de la komitato-decidoj.**

Dekkvin landaj asocioj raportas pri la efektivigo de la komitato-decidoj de IFEF. En la kadro de "Kampanjo 2000" la Komitato flue instigis la landajn asociojn starigi laborplanon laŭ la laborplano de IFEF. Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj preparis tiun kaj kontinue laboras laŭ tiu plano.

Dektri landaj asocioj klopodis plibonigi la instruadon kaj lernadon de Esperanto.

En dekkvar landoj oni kolektas la historiajn memorajojn de la fervojista Esperanto-movado kaj konservas la kulturajn heredajojn.

Mi povas konstati, ke je la efiko de la labor plano "Kampanjo 2000" moviĝas kaj fortiĝas la movada laboro. Nun sekvas nova laborplano de UEA, kiu konsistas el tri partoj : komprenigi Esperanton (informado), paroligi Esperanton (instruado) kaj utiligi Esperanton (apliko kaj internacia kunlaboro). Pri la akcepto de tiu laborplano, la Komitato de UEA decidos en la sekvonta UEA-Kongreso. Poste, nia Federacio devos prepari novan laborplanon laŭ tiu.

**3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj.**

Estonio, Germanio, Japanio, Slovakio kaj Slovenio ne havas rilatojn al la fervojaj administracioj ĉefe pro la privatigo de la fervojo. Kelkaj landaj asocioj havas kontaktojn pere de Kulturaj Societoj aŭ pere de FISAIC-Sekcioj.

Laŭ la raportoj la novaj fervojaj entreprenoj ne interesiĝas pri Esperanto, kaj ili ne donas financan aŭ alian helpon al la landaj asocioj.

La klarigoj de la oficialaj horarlibroj aperas en Esperanto nur en Ĉeĥio, Danio, Jugoslavio kaj Rumanio. Bedaŭrinde en Hungario forrestis la apero de Esperanto-lingva klarigo, sed ekde la jaro 2001 denove aperos en Esperanto. Kelkaj landaj asocioj raportas pri la instigo kaj klopodo por aperigi en Esperanto la klarigan tekston en la horarlibro, sed ŝajnas, ke vane.

Ok landaj asocioj havas rilaton kun la landaj fervojistaj sindikatoj, kaj 16 landaj asocioj havas bonajn rilatojn al la landaj FISAIC-organizaĵoj. El ili 13 landaj asocioj ricevas financajn kaj aliajn subtenojn de la landaj organizaĵoj. En sep landoj la fervojistaj esperantistoj havas oficon ĉe la FISAIC-organizaĵoj.

Multaj landaj asocioj havas rilatojn kun aliaj fervojistaj kaj nefervojistaj organizaĵoj.

**4. Organizado de jarkunvenoj.**

En la jaro 2000 preskaŭ ĉiuj landaj asocioj aranĝis jarkunsidojn, entute 750 fervojistaj esperantistoj partoprenis ilin. Dum 13 jarkunvenoj partoprenis entute 65 eksterlandanoj (ekzemple en Francio 17 eksterlandanoj ĉeestis la jarkun-

venon, kie entute pli ol cent fervojistaj esperantistoj partoprenis dum unu semajno). En la kadro de la jarkunvenoj oni faris multajn fakprelegojn, ekskursojn kaj ceterajn prezentadojn.

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj planas aranĝi jarkunvenon en la jaro 2001.

**5. Organizado de komunaj aranĝoj kun aliaj asocioj.**

En 17 landoj oni aranĝis komunajn aranĝajojn kun aliaj asocioj. Tiuj aranĝajoj preskaŭ en ĉiuj jaroj ripetiĝas. Ekzemple la Aŭstroj kunlaboris por la aranĝoj de la semajno de Internacia Amikeco, de Trilanda Renkontiĝo Alp-Adrio; la belgoj partoprenis en la aranĝo de la 4-a Eŭro-Unio Esperanto Kongreso en Oostende; la ĉeĥoj partoprenis la konferencon de ĈEA; la ĉinoj faris komunajn aranĝajojn kun Interna Mongolia Esperanto-Asocio kaj kun aliaj lokaj Esperanto - asocioj; la hungaroj, norvegoj, italoj kaj francoj kunlabore kun la lokaj grupoj de la landa Esper anto - Asocio aranĝis interesajn kunvenojn; la kroatoj organizis specialan vagonon por vojaĝi al la 4-a Kongreso de la kroataj esperantistoj; la rumanoj faris komunan aranĝajon kun la Nacia Rumana Esperanto-Asocio; la slovenoj aranĝis Zamenhof - feston kun la urba Societo en Maribor. Kompreneble mi povus daŭrigi la vicon de komunaj aranĝajoj kun aliaj asocioj.

**6. Interrilatoj kun Esperanto-organizaĵoj.**

Dekkvin landaj asocioj havas rilaton kun UEA pere de siaj landaj Esperanto-Asocioj. Kvar landoj interrilatas kun la landaj grupoj de SAT.

Dekkvin landaj asocioj havas bonajn rilatojn kun aliaj Esperanto-organizoj, kiel la Esperanto-Institutoj, Esperanto-Muzeoj, Esperanto-Bibliotekoj, ILEI, IKUE, KELI, IPTEA, MEM, UMEA ktp.

Laŭ la raportoj 18 landaj asocioj havas entute 56 fakdelegitojn de UEA pri fervojo.

**7. Informado en la plej vasta senco.**

La landaj asocioj pozitive raportas pri la informado. Laŭ la raportoj dekunu landaj asocioj kolektis gravajn informojn kaj sendis ilin al IFEF. En 13 landoj oni nomumis respondeculon, kiu per aktualajoj provizas la redaktoron de nia revuo Internacia Fervojisto. Multaj landaj asocioj promesas sendi artikolojn por IF sed nur kelkaj alvenas al la redaktoro. - En tiu speciala laboro elstaras Jindřich Tomíšek el Ĉeĥio, kiu meritas specialan laŭdon pro sia diligenta, daŭra penado kaj kontribuajo. Ĉefe mankas la raportoj pri la menciindaj landaj movadaj, klubaj kaj aliaj Esperanto-eventoj.

Dektri landaj asocioj raportas pri la informado al la fervoja administracio, al la sindikato. Multaj landaj asocioj informas pri la dissendo de priesperantaj informo-materialoj, afiŝoj. Multaj stacidomoj havas informkestojn, murgazetojn.

La fervojistaj esperantistoj en ok landoj aranĝis ekspoziciojn, kiujn pli ol sesmil interesiĝantoj vizitis.

Pli ol cent fakprelegoj okazis en dekses landoj pri la fervojaj novajoj, ekskursoj, kongresoj kaj movadaj temoj.

**8. Varbado.**

La landaj asocioj raportas entute pri 23 novaj membroj, inter ili en Hungario sukcesis varbi 11 novajn fervojistojn por fariĝi esperantistoj. Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj plendis pro la seninteresiĝo rilate al Esperanto, kaj pro la malkresko de la membro-nombro (en kelkaj landoj draste!).

Nur en 11 landoj oni faris memstaran lingvokurson, entute 36 kursojn ; kompare al la antaŭjara indiko ĝia malkresko estas je 16 kursoj. Ankaŭ la nombro de la kursanoj malkreskis sub 300. Ĉe la kursoj elstaris Italio, Hungario kaj Germanio: 5 kursoj, Rumanio, Norvegio, Ĉinio, Ĉeĥio kaj Bulgario : 3 kursoj.

**9. Junulara agado.**

Naŭ landaj asocioj raportas pri la junulara agado. Inter la tuta membraro de la landaj asocioj troviĝas 223 gejunuloj sub la trideka vivojaro. En Rumanio 90, en Hungario 76, en Ĉinio 40, en Bulgario 7, en Ĉeĥio 4, en Slovenio 3 kaj en Aŭstrio, Danio kaj Italio unu gejunulo troveblas. Kompare kun la antaŭa jaro, tiuj indikoj montras dudek membrojn pli da gejunuloj.

En Ĉinio funkcias tri memstaraj junulgrupoj kaj en Rumanio unu memstara junulgrupo.

10. **Landaj organoj.**

Dekkvin landaj asocioj havis propran organon en la jaro 2000. Inter ili Ĉinio 12-foje, Francio 11-foje, Bulgario kaj Danio: 6-foje, Aŭstrio, Germanio, Hungario, Jugoslavio kaj Svisio : 4-foje, Italio 3-foje, Norvegio kaj Japanio : 2-foje, Rumanio kaj Belgio: 1-foje aperigas ĝin jare. La totala amplekso de tiuj organoj nombras 700 paĝojn. Belgio, Bulgario, Danio kaj Hungario aperigas la propran organon pure en Esperanto. Multaj landaj asocioj, havas spacon en aliaj organoj por aperigi artikolojn pri la fervojfakaj novajoj.

**11. Terminara kaj traduka laboro.**

Laŭ la raportoj 13 landaj asocioj laboras sur la tereno de la terminara kaj traduka laboroj. En kelkaj landoj agadis terminara grupo.

En la jaro 2000 la Terminara Sekcio de IFEF daŭrigis la laboron, plenumis kaj solvis la taskojn, pri kio detale informas la kunlaborantojn per speciala informilo Terminara Kuriero (TeKu).
La sekcio reviziis novajn terminojn, ekzamenis kelkajn ŝanĝojn el la malnovaj terminoj, kaj tradukis difintekstojn. Bedaŭrinde ankoraŭ ne aperis la CD-ROM de Raillexic n-ro 3, kiun la gvidanto de Raillexic-grupo de UIC promesis jam de antaŭ du jaroj. Finfine antaŭ kelkaj semajnoj la gvidanto sendis la provekzempleron de CD-ROM n-ro 3 nur al kelkaj fervojoj.

Tamen estas ĝojige, ke jam en 20 nacilingvoj oni laboras en la kadro de Raillexic-grupo. La lingvoj estas la sekvaj: angla, ĉeĥa, dana, finna (ankoraŭ ne estas preta, nur 100 esprimoj mankas), franca, germana, itala, hispana, hungara, japana (!), nederlanda, norvega (nur 800 esprimoj estas pretaj), pola, portugala, rumana, rusa (proksimume 80 %-oj estas pretaj), serba (nur laŭ la CD-ROM n-ro 1), slovaka, sveda kaj Esperanto. Ankaŭ estas ĝojige, ke la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio eldonis trilingvan fervojan terminaron.

12. **Ekonomio**

En la jaro 2000 la ĝenerala ekonomia situacio estis sama kiel en la jaro 1999. En kelkaj landoj - Danio, Francio, Hungario, Japanio - la financa stato estas stabila. Kelkaj landoj plendas pri malmulta subteno, eĉ pri neniom da subteno, apogo. Multaj landaj asocioj ricevis pli-malpli financan subvencion aŭ aliajn subtenon kaj apogon de fervojo, sindikato kaj landa FISAIC-organizaĵo.

13. **Diversaĵo.**

Laŭ la jarraportoj la situacio, la eblecoj, la problemoj ne ŝanĝiĝis. En kelkaj landoj pliboniĝis la cirkonstancoj, sed en multaj landoj la situacio malboniĝis.

14. **Fina komentario.**

Legante la jarraportojn, parolante kun enlandaj kaj eksterlandaj fervojistaj esperantistoj, partoprenante en la Esperanto-kongresaj, konferencoj, renkontiĝoj, mi povas konstati :

- la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, eĉ mem la ĝenerala Esperanto-movado ;
- mankas la gejunuloj, kiuj transprenus la gvidantajn postenojn ĉe la grupoj, landoj, asocioj ktp ;
- en la mondo la angla lingvo estas la unua lingvo, kaj la Esperanto preskaŭ la lasta ;
- jam en kelkaj landoj ĉesis la fervojista Esperanto-Asocio (ekzemple en Anglio, Finnlando, Svedio, Nederlando, Hispanio), kaj en kelkaj landoj apenaŭ funkcias la asocioj ;
- antaŭ kelkaj jardekoj, eĉ jaroj pli ol 400 - 500 fervojistaj esperantistoj partoprenis en la IFEF-Kongresoj, kaj nuntempe nur 150 - 200 personoj ;
- en la okcidentaj landoj, la landaj asocioj ne volas entrepreni la organizan taskon por aranĝi IFEF-Kongreson.

Mi povus vicigi la negativajn spertojn, la malbonajn situaciojn kaj eblecojn, sed kial ?

Ni esperantistoj ĉiam estis kaj estas optimistoj, sed ĝis kiam ?

Ni esperu, ke ĝis la fino de nia vivo ni ne perdos la optimismon. Estu tiel !

Budapeŝto, la 11-an de majo 2001.

*István Gulyás*
*vicprezidanto de IFEF.*

**Alvoko**

La franca esperanto-asocio ***"Verda Stelo-Esperanto 94"*** deziras ricevi poŝtkartojn el la tuta mondo okaze de la Festo de la asocio en la urbo Choisy le Roi, kiu okazos la 21-an de septembro 2002.

La temo estas :

**"Choisy-le-Roi meze de la mondo".**

La adreso estas :
La verda stelo-esperanto 94
3/507 rue Pablo Picasso
94600 Choisy-le-Roi
Francio

*Ni esperas ricevi multajn po tkartojn ar estas konkurso inter la diversaj asocioj.*

*Estas bona okazo por montri vivon de Esperanto.*

Sylviane Lafargue

# *Printempa konferenco en Ĉeĥio*

De la 12-a ĝis la 14-a de aprilo 2002 okazis en la nordĉeĥa urbo Česká Lípa, Printempa konferenco de la Ĉeĥa landa asocio de IFEF. Partoprenis 30 gefervojistoj el la tuta lando. Kiel gastoj, ĉeestis honora IFEF-prezidanto Per Engen el Norvegio, d-ro Petro Chrdle. La Landan konsilion de FISAIC ČD reprezentis Ph Dr. Anna Abelovskà.

Post raporto de la prezidanto pri agado de la sekcio kaj aktivado de la komitatanoj, okazis salutparoloj kaj debato.

En plua parto de la vendreda kunveno, inĝ. Ladislav Kovář prezentis interesan prelegon kun bildoprojekciado pri Moderna sekuriga kaj komunikada tekniko en Ĉeĥaj Fervojoj.

Sabate, oni partoprenis tuttagan ekskurson al la germana urbo Dresdeno, kongresurbo de la 55-a IFK en 2003. Sub sperte ĉiĉerona gvido de d-ro Heinz Hoffmann oni unue estis informitaj pri vasta trakonstruado de la fervoja stacio Dresden Hauptbahnhof kun antaŭstacia spaco, enkadre de trakonstruo de la tuta Dresdena trafiknodo. Poste, ni komune iris en Trafikan muzeon, kie, krom fervoja kaj aliaj trafiksekcioj ni ankaŭ vizitis la nove malfermitan ekspozicion pri martragedio de la ŝipego Titanic, okazinta ĝuste antaŭ 90 jaroj, la 12-an de aprilo 1912. Posttagmeze, d-ro Hoffmann gvidis nin tra historia parto de la urbo, post terura bombado en la jaro 1945, rekonstruita laŭ aspekto de la jaroj, komence de la 20-a jarcento. Ni ankaŭ vidis konstruajon, kiu servos kiel kongresejo de nia 55-a IFK en 2003.

Post trajnreveno al Česká Lípa, vespere ni denove kunvenis. Per projekciado de la video-filmo oni rememorigis nian 53-an IFEF kongreson en Tábor. Poste, la vicprezidanto Láni informis pri la preparata 44-a IFES, kiu okazos de la 5-a ĝis la 12-a de januaro 2003 en la fervojista ripozloko de Kunčice pod Ondřejnikem. La informoj estis akompanataj per videofilmo pri la loko kaj ĉarma ĉirkaŭa regiono de la montaro Moravskoslezské Beskydy.

Laŭ iniciato de la prezidanto Tomíšek, oni faris monkolekton por aranĝi E. memor-ŝtonon en parko Esperanto de la pola historia urbo Malbork, kie lastjare dum la 17-a Kongreso de la Polaj Fervojistaj Esperant-istoj, ĉeĥa fervojista grupo ankaŭ plantis ĉeĥan nacian tilio-arbon - apud jam plantitaj arboj. La prezidanto, krome kiel ĉefkomitatano, informis pri reto de la fakdelegitoj de IFEF pri temo "fervojo" kaj varbis por ĝia disvastigo. Surloke, aliĝis kaj sinproponis kiel FD de UEA du ĉeĥaj kolegoj Ladislav Špína el urbo Liberec kaj Oldřich Antoš el D čín. Do nia IFEF en Ĉeĥio nun nombras jam 5 FD de UEA pri fervojo. Ĉu ankaŭ aliaj landoj sekvos la ekzemplon?

Dimanĉe, post debato, ni aprobis la finan rezolucion. Poste, kun ĉiĉerono ni vizitis la urbon Česká Lípa. Per komuna tagmanĝo en la pensiono PUP finiĝis la sukcesa aranĝo, ĉar dum ĉiuj tri tagoj eĉ la vetero favoris.

*Jindřich Tomíšek, Ĉkn*



*Ĉeĥaj kolegoj antaŭ la Trafika muzeo en Dresdeno. Tute maldekstre la honora prezidanto de IFEF Per Engen.*

## Unu el la plej rapidaj fervojoj en la mondo

Temas pri unuopaj altrapidecaj linioj en Eŭropo; oni planas, ke la tuto longos 12 500 km-ojn. Ekde la komenco de la konstruado oni serĉas unuecan solvon de trakaj sistemoj, konstruaj kaj sekuraj normoj, trafik aj normoj kaj ĉefe de sekuraj sistemoj. Eŭropa Unio klopodas atingi sinsekvan unuiĝon.

La unua pli granda projekto estas unueca sekuriga sistemo ETSC - ĝia fundamento estas transmetado de informoj pri movado de trajnoj el firmaj punktoj sur linio pere de radia reto. Pli moderna telekomunikado kunligos regul-igistojn de la trajntrafiko kaj lokomotiv-estrojn per sendrata veturofteca reto GSM-R. Ambaŭ sistemojn oni ankaŭ provas sur preskaŭ finita rapideca traceokoridoro Dresden - Praha.

Ĉi-jare, en septembro veturos pasaĝeroj en blankaj vagonaroj ICE-3, la unuan fojon, per rapideco de 300 km-oj hore el Köln / Rhein al Frankfurt / Main aŭ inverse. La vojaĝo daŭros nur 58 minutojn, do oni vetur os almenaŭ trioble pli rapide ol per persona aŭtomobilo, uzante paralelan sed kutime plenplenan aŭtostradon.

Dum la duona parto de la 90-aj jaroj estis danĝerigita trafika kunligo de du rapide evoluintaj germanaj regionoj Rhein / Main kaj Rhein / Ruhr. Aŭtostrado A3 interliganta Frankfurt / Main kun Köln / Rhein eĉ post plilarĝigo je 6 zonoj estas kutime preskaŭ la tutan tagon superŝarĝita. Ĉiutage, 600 trajnoj atingis la pinton de la eblecoj.

Pro tio, projektantoj de eŭropa altrapideca fervoja reto, decidis akcepti kuraĝan solvon. Malgraŭ tio, ke la plej mallonga kunligo de ambaŭ centroj devas traveturi tri montarojn kun grandaj altecaj diferencoj, ili proponis prestiĝan projekton de altrapida linio je rapideco de 300 km-oj hore, praktike apud nuntempa aŭtostrado A 3. Ekde septembro, 2002 veturos ĉiujn 30 minutojn ambaŭ direkte n, trajnoj, kiuj en rekta kunligo malpli-longigos vojaĝtempon inter ambaŭ metropoloj - kaj ties internaciaj flughavenoj - je 58 minutoj.

Temas pri 177 km-ojn longa, dutraka, altrapideca linio, el kiuj 47 km-oj gvidos tra tuneloj kaj 18 km-oj sur pontoj.

*Kompilis: Jitka Skalicka*

****************************************

## Novaj regionaj trajnoj

Norvega Ŝtata Fervojo mendis ĉiujn staciajn trajnojn I.A por funkciado en la suda/ orienta Norvegio kun elirpunkto - ekzemple de Oslo - ekde la vintro 2002/2003.

Jam ĉi tiu somero funkciados la unuaj ses trajnoj en la suda / okcidenta parto de la lando kun elirpunkto de Stavangr. Itala firmao konstruas la tridek ses trajnojn, kiuj alportos signifoplenan komforton por la pasaĝeroj.



*Odd Kolbrek*

*Eltirajo de la faka jurnalo de Norvega Ŝtata Fervojo.*

## La plej longa tunelo en Alpoj estas jam konstruata.

La plej longa fervoja tunelo en Alpoj longos 52 km-ojn kaj kunligos urbojn Lyon kaj Torino. Ĝis kiam oni komencis nuntempajn konstrulaborojn, pasis dek jaroj. La tunelo devus helpi al ŝarĝtrafiko sur ŝoseoj en Alpoj. Ĝia konstruado estas planita ĝis la jaro 2012. Poste ĝi servos por altrapidaj trajnoj, kiuj kunligos menciitajn du urbojn.

La vojaĝo daŭros nur du horojn, do duone de la nuntempa daŭro. Konstru-kostojn oni pritaksas je 13 miliardoj da eŭroj. Komence oni kalkulis finkonstruon de la tunelo en la jaro 2015. Incendio en tunelo sub Monto Blanka en la jaro 1999 kaŭzis mallongigon de la konstruo-limtempo je tri jaroj.

*Kompilis Jitka Skalicka*

---

## NOVAJ FERVOJAJ TUNELOJ EN SVEDIO

Registaro en Svedio aprobis konstruadon de du fervojaj tuneloj, kiuj apartenas al programo de plibonigo de fervoja infrastrukturo.

Unu el ili estas tunelo sub urbo Malmö por la sumo de 8,8 miliardoj da svedaj kronoj (SEK); ĝi permesos la kunligon trans markolo Øresund. La tunelo samtempe plifaciligos ligon de ĉefstacidomo en Malmö kun du novaj stacioj kaj ĝi ankaŭ ebligos ŝparon da veturtempo de lokaj, naciaj kaj internaciaj komunikoj.

La duan konstruajon prezentas tunelo Halland por la sumo de 6,5 miliardoj da svedaj kronoj (SEK). Ĝia konstruado estis interrompita en la jaro 1997 pro problemoj en la vivmedio.

La tunelo plifaciligos veturadon de ŝarĝvagonaroj kaj ebligos pli rapidan vojaĝon de pasaĝervagonaroj.

*Kompilis Jitka Skalicka*

---

Landa konsilio de FISAIC
Kaj
Fervojista sekcio de ÆEA
Kore invitas vin partopreni al

**44-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno**

okazonta de la 4-a ĝis la 11-a de januaro 2003 en Kunčice Pod Ondřejníkem (CZ) en montaro Beskydy

*Adreso de la organizantoj :*
Retadreso : fervoja.turismo@pvnet.cz
Faksa n-ro : + 420 68 55 111 45
(ekde 22.09.2003) + 420 58 55 111 45

Ladislav Láni
U cukrovaru 12, CZ-78371 Olomouc
GSM : + 420 776 792 441
SMS-retadreso : abc2@mujoskar.cz

Inĝ. Jiři Vencl Nové nám 1745,
CZ-56002 Česká Třebová
GSM : + 420 776 792 918
SMS-retadreso :
420723176918@sms.eurotel.cz

---

***Preseraro***

En la numero 2002.2, artikolo en paĝo 27 havas kiel titolon : "Pri la tunelo Brenner oni decidos ĉiujare"

**Bonvolu legi :**
" Pri la tunelo Brenner oni decidos en la jaro 2002".

*La redaktoro pardonpetas.*

## Trafiko sur Sinaja fervojo renovigita

Egiptia prezidento Hosni Mubarak partoprenis la 14-an de novembro 2001 solenan malfermon de la 640 metrojn longa nova fervoja ponto El-Ferdan super Sueza kanalo. Dank' al tiu ĉi fervoja ponto situanta proksimume 20 km-ojn norde de la urbo Ismailia, oni povis post pli ol tridek jaroj refunkciigi trafikon sur la tuta tielnomata sinaja fervojo.

Tiu ĉi linio longas 225 km-ojn kaj kunligas urbojn sur Sinaja duoninsulo kun aliaj partoj de Egiptio. La trafiko ĉesis pro detruo de la origina fervoja ponto super la Sueza kanalo dum la milito de 1967 kun Israelo.

La nova fervoja ponto El-Ferdan, konstruita dum pli ol kvin jaroj kaj realigita fare de konsorcio de la firmaoj Krupp el Germanio, Besix el Belgio kaj Orascom el Egiptio havas specialan konstruadon. Tiu ĉi konsistas el du spegule similaj partoj, kiujn formas speciala turnebla kaj sur la bordo lokigita piliero, al kiu estas fikse alligita restanta parto de la ponta konstruo. Se oni bezonas permesi traveturon de la trajno, oni devas ambaŭ pontajn konstrupartojn turni ortangule al la bordo kaj samtempe kunligi ilin en la loko de ilia kuntuŝiĝo super mezo de la kanalo. Male, se oni bezonas liberigi navigvojon por grandaj marŝipoj oni malkuplas ambaŭ pontopartojn kaj turnas ilin paralele kun la bordo.

La egiptia registaro atendas, ke ekspluatapertigo de la linio grave helpos al ekonomia evoluo de la Sinaja duoninsulo. Por plene ilustri la situacion ni aldonu, ke alia fervojo iras de orienta flanko de la ponto EL-Ferdan ĝis 50 km-oj en la nordo laŭlonge de la Sueza kanalo ; poste, ĝi turniĝas oriente kaj finiĝas en la urbo Rafah sur la Bordo de la mediteranea maro proksime de la landlimo kun Israelo.

*Laŭ Railway Gazette*
*Preparis Jindřich Tomišek*




## 13-a jarkunveno de REFA

La 13-a jarkunveno de Rumana Esperanto Fervojista Asocio okazos de la 6-a ĝis la 8-a de septembro 2002 en urbo SIBIU.

**Provizora programo**

**Vendredo 06.09.02**

15.00 Akcepto de la partoprenantoj
19.00 Vespere : prezentado de videobendo "Memorajo el Rumanio"

**Sabato 07.09.02**

10.00 Jarkunveno
12.00 Vizito de la muzeo "Bruckental"
14.00 Piedekskurso en la historia urbo
19.30 Vizito de la fervoja muzeo
20.00 Festa vespermanĝo

**Dimanĉo 08.09.02**

10.00 Vizito de vilaĝa muzeo

**Aliĝilo havebla ĉe :**
S-ino Rodika Todor
Bdul Valea Cetatii 22, Bl. B2, Sc.A Ap.5
2200 BRASOV - ROMANIA
Retadreso : rodica_todor@yahoo.com
Kaj rodicatodor@xnet.ro

**INTERNACIA FERVOJISTO**
54-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro : Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72 230 Arnage, France**
**Tel /Fakso +332 43 21 16 39**
**Retadreso :**
**Jean.Ripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto** : Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso : lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto** : István Gulyás
Rákos u. 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso : kozsu13@freemail.hu

**Sekretario** : Marica Brletiă
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb

**Kasisto** : Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, Appt 132
FR-49100 Angers
Tel : + 33(0)2 41 20 19 40
Retadreso :
Laurent.vignaud@wanadoo.fr

**Franca poŝtĉekkonto :**
**Atentu :**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
9 293 74 Y NANTES
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)

**UEA-konto :** iffk-o

**Apermonatoj :**
Januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Generaldirekcio de MÁV
Andrássy út 73/75
HU-1062 BUDAPEST, Hungario

**IFEF-TTT-paĝaro :**
HTTP://perso.wanadoo.fr/esperanto/ifef
ISSN 1397-4270

VIG 2002.331

# KAEST 2002

*Ĉeĥa Esperanto-Asocio (ĈEA) kore invitas vin al :*
*Kolokvo Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko okazonta en Dobřichovice (rande de Prago, CZ), 2002-11-08/10, sub aŭspicio de :*

## Universala Esperanto-Asocio (UEA)

***Pritraktaj temoj :***

**Sekcio A : Elektronikaj rimedoj**

**Sekcio B : Terminologiaj problemoj de fakaj aplikoj de Esperanto**

**Sekcio C : Aplikoj de Esperanto en scienco kaj tekniko (ĝenerale)**

*Organizan flankon garantias :*
**KAVA-PECH Dobřichovice**
**Profesia kongresa agentejo kun spertoj organizi fakajn internaciajn eventojn**
**Anglická 878, CZ-25229 Dobřichovice**
**Tel : 420 2 991 2201**
**Fakso : 420 2 991 2126**
**Rete : kaest@kava-pech.cz**



**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati
Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Retadreso : galati@radiotel.ro